25a Jaro - No 11-12 (270-271) Jara Kotiz-Abono Fr 35,— Nov.-Dec. 1939a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo Fondita en 1908a

DIREKTORO:
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK-ANTVERPENO

**Oficiala Organo de**



**Reĝa Belga Ligo Esperantista**

Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27 6 36

**En plena Ĥaoso**

## Ĉe l'komenciĝo de nova jaro

Ordinare tiu ĉi jarfina priparolado aperas en la Januara numero, sed pro la nunaj malfacilaj cirkonstancoj kaj la devigo ŝpari la monon... kiun oni ne sufiĉe posedas por daŭrigi regulan laboradon, ĝi aperas, escepte tiun ĉi fojon, en la lasta numero de la intertempe foririnta jaro.

Se estas tiel escepto en la dato de apero, estas pli grava escepto en la tragiko de la cirkonstancoj.

Ni, en nia lando, vivas en paco. Oficiale almenaŭ. Neniu faras al ni militon kaj ni atakis neniun.

Sed fakte, ni, laŭ armea kaj landdefenda vidpunkto, jam vivas tute kiel la militantaj popoloj kaj, ekonomie, nia lando suferas, en multaj rilatoj, pli kruelan sorton ol la militantaj landoj mem, kie, — certe por ne tre homama celo — — la industrioj laboregas por pliakrigi la rezist- aŭ atakforton de la armeoj.

Kaj meze de tiu ĥaoso, pasis la esperdona Kristnaskfesto; pasis ankaŭ la Novjaro, kiu, — kontraŭe al tio kio okazas en komercaj firmoj, en kiuj la ĉiutaga vivo de la negoco alportas, ĉiutage, ankaŭ parton de la rimedoj —, en Societoj, kiel nia Reĝa Belga Ligo Esperantista, estas la dato je kiu, preskaŭ en unu tago, devus renoviĝi la mona sango, kiu poste devos permesi tutjaran vivadon.

Novjaro estas en ĉiu societo la momento de la repago de la kotizoj.

Kaj, je tiu momento, ni kun terurego konstatas, ke multaj ne povos repagi la kotizon, kiun ili pagis al ni ĝis nun; parte, ĉar ili estas alvokitaj al speciala militservo; parte, ĉar ili perdis sian profesian situacion kaj vivas en mizero.

Ni malfacile povas riproĉi al samideanoj el tiuj du kategorioj, se, esplorinte siajn rimedojn, ili sincere konfesas, ke la pago de la certe ne tiel grava kotizsumo, tamen estas tro peza por ili.

Ni tial apud tiuj ĉi ne insistas hodiaŭ. Ni scias ke por kelkaj inter ili estas la nigra nokto.

Sed ni atentigas tiujn, kiuj ne estas alvokitaj kaj kiuj ne perdis sian situacion, pri la duobla devo, tuj pagi sian kotizon kaj tamen eventuale kontentiĝi pri pli malbone farita servo.

Tio povas ŝajni paradoksa kaj tropostulema kaj tamen ni volas tion pravigi.

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj, kiuj eldonas Esperantan Bultenon, posedas nur, — ni ne faru al ni iluzion —, la nombron de pagantaj membroj minimuman, por pravigi la presadon. Por preskaŭ ĉiuj, eĉ en nekriza periodo, la situacio estas tia, ke, se ili devus mendi ĉe presisto nombron da ekzempleroj malpli altan ol la nuna, ili devus rezigni, ĉar la prezo por ĉiu revu-numero iĝus katastrofe tro alta.

Kaj tamen, nun, ĉiuj tiuj landaj asocioj staras antaŭ tiu fakto, ke, pro la defalo de la rezerv-alvokitaj soldatoj kaj de la senlaboruloj, tiu nombro tiun ĉi jaron tamen malplialtiĝos, t.s. ke la prezo de ĉiu ekzemplero iĝos fakte katastrofa!

Kaj se do eĉ neniu el la aliaj membroj forfalus, la nombro de la numeroj, kiun tiuj Asocioj povos eldoni dum la jaro, — se la situacio intertempe ne pliheliĝas —, iĝos jam malpli granda, dum la Ligo mem tamen baraktados.

Je la repago de sia kotizo, niaj membroj do devas bone scii kaj konscii, ke, kvankam ili pagos la saman sumon, ili, pro la cirkonstancoj, tute neeble povos postuli la samon de la Liga Kaso.

Sed ili havos la konsolon ke, pagante, ili permesos la daŭrigon de la Liga laboro dum ili feliĉigos la alvokitojn kaj la senlaborulojn, al kiuj ni daŭrigos la sendadon de nia organo, dum tiu periodo, dum kiu tiuj amikoj, kiuj iam kore kunlaboris kun ni, nenion kapablas fari por helpi al nia movado.

Sed ĝis nun ni nin turnis nur al tiuj, kiuj eble plendos pri ne tiel regula aperado de nia revuo, pri la neaktiva laboro de la komitato, sed kiuj tamen repagos.

Sed nun ni volas nin turni al tiuj, kiuj eble hezitus repagi.

Al ili ni volas diri, ke ni komprenas ke, en la nuna situacio, kiam neniu scias kion alportos al ni la morgaŭa tago, ĉiu volas esti prudenta kaj ne elĵeti monon, kiun oni eble postmorgaŭ bezonos.

Sed ni, aliflanke, tamen opinias, ke ne sufiĉas, ke la mondo trairas krizan periodon ; ke nesufiĉas ke,ĉe nia landlimo, la kanono tondras, por ke ni, Belgoj, decidu trankvile la mortigon de ĉio ideala.

Kaj ni memorigas al ĉiuj la belajn tagojn, kiujn

ili vivis en Esperantujo, en kontakto kun samlandaj kaj fremdaj samideanoj ; ni pripensigas ilin pri la servoj, kiujn Esperanto faris jam al tiom da fratoj en la mondo.

Kaj ni petas ilin, ĉu ili vere, konscie, havos la kuraĝon helpi al tiu mortigo, al tiu neniigo, de la grandega tasko, kiun entreprenis nia Majstro ; ĉu ili volos esti la Judaso, kiu forlasos nian komunan Idealon en la horo de danĝero.

Ni estas certaj, ke neniu, kiu dum momento estos pripensinta, forlasos nin, se li, iamaniere, povas nin helpi, daŭrigante al nia movado la pagon de la rimedoj, kiujn ĉiuj ni donis ĉiam laŭ nia propra kapablo.

Estas en tiu spirito kaj kun tiu certeco, ke ni, iom melankolie sed tamen, plenfide, sendas nian novjaran saluton al ĉiuj niaj membroj.

Maur. JAUMOTTE.

# Novjara Saluto

« BELGA ESPERANTISTO »

kaj ĝia organo

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*prezentas al sia membraro kaj al sia legantaro siajn plej korajn bondezirojn por la jaro 1940, kiu, esperu ni, reigos la jaro de la Paco.*

## Niaj kotizoj

Ni atentigas niajn membrojn pri la dezirindeco TUJ pagi sian kotizon al ilia grupo, al nia Ligo kaj al la internacia movado.

Ĉiuj membroj de grupo, aliĝinta al R. B. L. E., pagu rekte al sia grupo kaj se ili estas individua membro de la I. E. L., ili kunpagu, kun sia loka kaj nacia kotizo, la apartan kotizon de I.E.L.

La individuaj membroj de R.B.L.E. pagu al la poŝtĉekkonto de la Ligo sian nacian kotizon kaj, se ili estas individua membro de I.E.L., ili kunpagu tiun kotizon.

Neniu membro de nia Ligo sin do turnu aparte al nia Ĉefdelegito, por pagi kotizojn. Nia Liga kasisto reguligos tiun aferon, en ilia nomo.

Ni memorigu tie ĉi, ke la kotizoj de R.B. L. E. estas :

| | | |
|---|---|---|
| Membro-abonanto | fr. | 35.— |
| Membro-familia | fr. | 20.— |

Por la individuaj I.E.L.-membroj, ni indiku, ke la kotizoj por nia Internacia Ligo estas :

| | | |
|---|---|---|
| M. Jarlibro | fr. | 20.— |
| M. Abonanto | fr. | 50.— |
| M. Abon. Heroldo | fr. | 75.— |
| M. Subtenanto | fr. | 150.— |

Ni atentigas pri la kotizo M. A. H., kiu multe malplialtiĝis pro la fakto, ke « Heroldo de Esperanto » nun ne plu ĉiusemajne aperas.

## Nova Romanserio

Kun la sekvanta numero de nia organo ni sendos al vi prospekton de la « Nova Romanserio ». Ĝi konsistas el ses literaturaj verkoj de bonfamaj aŭtoroj. La prezo de tiuj libroj, post apero, estos proksimume fl. 2.—. Tamen se vi abonas la tutan serion, vi pagos nur fl. 1.25 kaj do ĝuas rabaton de proksimume 40 %.

Sendube vi trovos inter la anoncitaj libroj plurajn, kiujn vi deziras posedi. Rekomendinda solvo tiam estas mendi la tutan serion (vi povas pagi en dumonataj partoj). Vi ja pagos por tiuj libroj tiom malaltan prezon, ke vi fakte donace ricevas la ceterajn.

Ofte okazas, ke libron, kion oni opinias ne tre valora antaŭ la aĉeto, oni alte taksas post la akiro.

Tamen por tiuj, kiuj ne deziras aĉeti la tutan serion, ni povas anonci bonan solvon : ili rajtas anstataŭi du librojn per du jam aperintaj verkoj el la Nova Romanserio de 1939-a. En tiu serio aperis sinsekve :

I. Turgenjev — Patroj kaj Filoj, el pola lingvo tradukis KABE;

J. Last — La Hispana Tragedio, el nederlanda lingvo tradukis G. J. Degenkamp;

I. Silone — Fontamara, el itala lingvo tradukis Anĝelo kaj J. v. Scheepen ;

A. Latzko — Homoj en milito, el germana lingvo tradukis Ch. Minor ;

M. H. Szekely-Lulofs — Kulio, el nederlanda lingvo tradukis P. J. Makkinje ;

V. Korolenko — La Senlingvulo, el rusa lingvo tradukis M. Ŝidlovskaja.

La ŝatantoj de niaj klasikuloj tiamaniere povas kompili belan serion (D-ro Zamenhof, KABE, Ŝidlovskaja).

Same tiuj, kiuj preferas modernajn verkojn aŭ socitendencajn verkojn povas fari kontentigan elekton.

Ĉiuj libroj estas bone presitaj sur senligna papero, kaj tuttole binditaj. Trafa titolbildo ornamas ĉiun libron. Ni forte rekomendas al vi legi la prospekton, kiun « Belga Esperanto-Instituto » enŝovigos en la proksima numero de nia revuo.

## Ĉu vere ?

La baremo de l'salajroj
Por of'cistaro :
Nur bar-emo ĝenerale
De la registaro.

« Investi », mi legis en la vortaro,
Por cel' produktema ja estas faro.
Sed tiu klarigo la saĝon spitas :
« In-vesti » kontraŭe nur deficitas.

Bilarda ludo, de la vera amo
Estas la simbolo :
Ronsarda tuŝo de la arda flamo
Estas kar-am-bol-o.

En nia bonorda socio
Rondiras, ĉu ne, sat-elito,
Rajtanta je plena porcio :
Planedo pro propra profito.
Malsatelito
Aŭ stratelito
Nenie trovebla vortparo,
Eĉ ne en la SAT-vortaro.

Tenorulo linhara ja « teni deklaras
Amoron », sed estas nur Amoreklam'.
Ĉar, ĉu baritonulo « la tonon nur baras »,
Kiun li vibrigadas honore de l'Am'?
Ĉu ne havas valoron ador' de basulo,
Kiun li tre profunde sonigas el kor'?
Ĉu penetras en koron ne lia modulo?
Ĉu ne portas mesaĝon ĉi Am-bas-ador'

TYNEVERUM.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esper-nto-Grupo « La Verda Stelo ».** — unvenejoj « De Witte Leeuw », rankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: ge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Ar-ile : ĉiusabate je 21a h.

La membroj regule kunvenas, plej ofte, en Esperanto-Domo », kelkfoje en « Witte eeuw.

La membroj eksciu pri la programo de la ekvontaj Sabatoj, dum la kunvenoj kaj estos, ili petas, aparte informataj per malgranda emorigila cirkulero.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperant-ita, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 0-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 14.59.

Kunvenoj dum januaro kaj februaro 1940-a : 2 an de januaro : Aranĝoj por la nova ele-enta kurso kaj intima babilado. Prez. : S-ro h. Poupeye.

5-an de jan. (vendredon) : Malfermo de ELEMENTA KURSO, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye. Novaj enskribiĝoj estos akcept-taj en la sidejo, antaŭ la unua leciono, de la 9,30-a ĝis la 20-a. Daŭrigo de tiu kurso, ĉiu-endrede, je la 20-a, ĝis Pasko.

9-an : ĉe S-ano Vital Jehansart, KAFEJO EOPOLD, Dampoortstraat, 101, St-Kruis : ŝaja vespermanĝeto : Mituloj kaj fritataj ter-omoj. Poste dancado.

16-an : F-ino Suzanne Vanden Berghe ra-ontos pri sia vojaĝo en Nederlando. Prez. : Drubbel.

23-an : GENERALA JARKUNSIDO de la rupo. Prez. : F-ino Y. Thooris. Raportoj, lekto de la komitato, kritikoj kaj proponoj. ĉiuj membroj ĉeestu !

30-an : Lastaj aranĝoj por la balo. Prez. : -ro K. Decoster.

3-an de februaro (sabaton) en «Monpalaco» e la 21-a : 6-a JARA BALO, vidu noton ĉi-ube.

6-an de februaro : Raportado pri la balo. Prez.: S-ro E. Guillaume.

13-an : Konkursetoj kun premioj. Prez.: S-ro H. Van Roye.

20-an : Kantado. Gvidado S-ino Poupeye, ĉe a piano : S-ino Van Roye.

27-an : Kartludado. Prez.. S-ro H. Van Roye.

N. B. — 1º **KURSOJ : A) Elementa :** ĉiu-vendrede je la 20-a, vidu supren sub la daton : -an de januaro.

B) **por progresantoj :** ĉiumarde, dum la unua horo de ĉiu kunveno, sed NE la 9-an kaj 23-an de januaro.

2º **BIBLIOTEKO :** malfermata ĉiumarde kaj ĉiuvendrede de la 19,30-a ĝis la 20-a en la Sidejo. Multaj novaj libroj ; luprezo : 0 fr. 25 por DU semajnoj. Bibliotekisto : S-ro J. Drubbel. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, ktp. — Magazenisto : S-ro K. Decoster.

3º **HELPA VENDEJO :** de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, (quai de la Poterie). (Helpa Poŝtoficejo). Tel. 315.61.

4º **BALO :** Sabaton, 3-an de februaro, je la 21-a en « Muntpaleis — Palais de la Monnaie», SESA JARA BALO DE LA GRUPO. Vesperaj vestaĵoj dezirindaj. Baleto « Minueto » kaj amuzaj kotiljonoj. Tiu balo estos kiel kutime privata kaj do rezervata al la membroj (aktivaj aŭ apogantaj) de la Bruĝa Grupo. Oni enskribiĝu tuj ĉe la organizantoj. La karto de apoganta membro por 1940 kostas 5 fr. pagebla al la organizantoj aŭ al la P. Ĉ. K. de la grupo : Nº 2340.04.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde : de la 8-a ĝis la 10-a.

## GRUPAJ RAPORTOJ

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Dum la du lastaj monatoj, la gemembroj regule kunvenis, plej ofte en la « Esperanto-Domo », kiu ekmontriĝas plej taŭga ejo, por ne tro multnombraj kunsidoj al kiuj oni volas konservi la intiman karakteron.

Tiel okazis, dum la lastaj semajnoj, rakontaj kaj kartludaj vesperoj, manĝvesperoj, inter kiuj la lasta « Gezoden Worsten »-vespero (Boitaj Kolbasoj) bonege sukcesis.

Ankaŭ paroladoj kaj prelegoj pri la Belga Literaturo okazis kaj en ili partoprenis la prezidanto kaj S-ro Vermuyten.

S-ro De Hondt, vicprezidanto, diversfoje devis anstataŭi la prezidanton, malhelpatan pro profesiaj devoj kaj tion plej kontentige faris.

La Kristnaskfesto havis ankaŭ sian kutiman evoluon kaj ĉiuj rehejmiĝis kun belaj premioj.

**E. K. I. :** La Esperanto-Komitato Intergrupa de Antverpeno decidis, ĉe la komenco de la milita periodo, kunveni almenaŭ unufoje en la monato, kaj inviti la gemembrojn de la diversaj aliĝintaj grupoj.

Dum la jam okazintaj vesperoj, kiuj altiris multajn interesatojn en la «Esperanto-Domo»'n, oni aŭdis paroladojn de S-ro Van Dooren, vicprezidanto kaj de S-ro Jaumotte, prezidanto. S-ro Van Gindertaelen, sekretario, parolados dum la sekvonta, kiu okazos Merkredon, la 17-an de Januaro.

Dum la lasta S-ro Van Dooren speciale gratulis S-ron Jaumotte, pro lia promocio en la Kronordeno.

★

**BRUĜO. — BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA, REĜA SOCIETO :** La 14-an de Novembro, S-ro H. Van Roye donis la 6-an lecionon de la kurso por progresantoj. post kio okazis debato pri la temo : « Fajrujo aŭ Hejtotubaro » sub prezido de S-ro K. Decoster. Multaj ĉeestantoj interesiĝis pri tiu aktuala temo, kaj unu el la konkludoj estis ke multaj kritikindaĵoj de la moderna hejtado forfalas, se oni nur prizorgas taŭgan aerumadon.

Sepa leciono de la kurso por progresantoj estis donata de S-ro Ch. Poupeye la 21-an de Novembro. Dum la dua parto de la kunveno, okazis duopa babilado kun posta publika raportado, sub prezido de S-ro H. Van Roye. F-ino M. J. Proot funkciis kiel policano por altrudi monpunon al tiuj kiuj estus parolintaj nacilingve... sed neniu pekis !?

Post 8-a leciono, prezentata de S-ro Ch. Poupeye, la ĉeestantoj de la 28-a de Novembro aŭdis humoraĵojn rakontatajn de S-roj Poupeye, Van Roye kaj Spoon.

La 5-an de Decembro, S-ro Van Roye donis 9-an lecionon, post kio Sankta Nikolao, en la persono de F-ino J. Strubbe, laŭplimulte elektita, afable prezidis la disdonadon de la nekonataj donacetoj alportitaj de la gemembroj. Multaj zorge envolvitaj surprizoj gajigis la ĉeestantojn.

La 12-an de Decembro, post la 10-a leciono donata de S-ro Van Roye, okazis la Zamenhof-vespero sub prezido de S-ro Ch. Poupeye, kiu anstataŭis F-inon Thooris, ankoraŭ malhelpatan pro malsano de sia patro, nun feliĉe resaniĝanta. S-ro Poupeye klarigis per kelkaj vortoj la signifon de tiu rememorigo kaj alvokis ĉiujn al kuraĝa daŭrigado de la poresperantaj klopodoj dum la nunaj tempoj.

S-ro J. Drubbel laŭtlegis artikolon « Okdek jaroj pasis » kaj S-ro H. Van Roye donis interesajn klarigojn pri la multnombraj Zamenhofaj verkaĵoj el la grupa biblioteko. Fine, malgranda tombolo havigis belan sumeton, duone por « Soldo por Esperanto » kaj por « Pakajeto de la Soldato ». La unua premio : busteto de D-ro Zamenhof, estis gajnata de S-ro A. Van Eenoo.

Dek-unua leciono de la supera kurso estis farata la 19-an de Decembro de S-ro Ch. Poupeye. Dum la dua parto de la kunveno okazis intima babilado.

**GENT. — « GENTA GRUPO ».** — Raporto pri Decembro. — Kiel kutime, okazis, ĉiumarde, kunvenoj por lingva ekzercado.

**ZAMENHOFA TAGO.** — Dimanĉon, 17-an de Decembro, grupanoj kunvenis por komuna tagmanĝo, antaŭ kunsido dediĉata al glorigo de la Majstro. La kunveno malfermiĝis je 14 h. 30, per la kanto de « Espero »; kaj danke al Fraŭlino J. Nachtergaele, muzika parto sekvis ; ĝi konsistis el belaj partoj el « Rigoletto » kaj « Carmen ».

Poste, la Grupa prezidanto glorigis la nomon de Zamenhof, pacienca, laborema, sindonema geniulo, kiu estis precipe pacema, volante ke lia lingvo faligu la barilojn inter homoj el diversaj landoj, el diversaj gentoj, sed neniel dezirante ke ĝi fariĝu batalilo por internacia klasbatalo. Post la nuna milito, tre gravan rolon povos havi Esperanton, kondiĉe ke la esperantanoj komprenu la veran internacian ideon de Zamenhof, kaj ke ili estu lingve tre kompetentaj : tiam estos la momento por ke sufiĉa nombro da kompetentuloj pruvu, ne nur per diroj, sed per novaj faktoj, per konstanta uzo de Esperanto, ke tiu ĉi vere komplete taŭgas por esti inter-

# Nova Sukceso en Hollywood

Bing Crosby kaj Dorothy Lamour en la filmo « Vojo al Singapuro » perdiĝas sur tropika insulo. Por eviti la neceson fari la insulon aŭtentika en ĉiuj detalaĵoj, oni bezonis neŭtralan lingvon. Do la tre fama usona kantverkisto Johnny Burke kaj la filmfareja direktoro Harlan Thompson aprobis la uzon de Esperanto. Por la nove kreita sudmar-insula festen- kaj danc-kanto verkis s-ro Joseph R. Scherer la originalan Esperantan tekston.

Gratulojn pro la apliko de Esperanto en la nova grandfilmo « Vojo al Singapuro » oni sendu grandamase per leteroj kaj kartoj al: **S-ro Direktoro Harlan Thompson, Paramount Studio, Hollywood, Kalifornio, Usono.**

Ni emfazas la gravecon ke nepre multaj gesamideanoj el la tuta mondo alskribu la direktoron de Paramount Studio. Nur tiamaniere ni havas la eblecon pruvi al la film-eminentuloj de Hollywood ke Esperanto jam nun havas grandan disvastiĝon. S-ron Clarence Brown, la faman reĝisoron de M.G.M., atingis post nia alvoko proksimume 2000 leteroj kaj kartoj, kiuj faris en la film-metropolo grandan impreson. Se estus 20.000, la impreso estus eĉ impona. Zorgu ke la direktoro de Paramount ricevu minimume la saman nombron da Esperantaj korespondaĵoj kiun ricevis s-ro Brown! Eĉ refoje skribu tiuj al s-ro Clarence Brown, kiuj intertempe jam vidis-aŭdis la filmon « Idiot's Delight »!

Subtenu la laboron de nia s-ano Scherer! Kredu ke tiu laboro ne estis facila! Dum multaj jaroj li vane klopodis sed fine lia persistado sukcesis. En mallonga sinsekvo nun jam tri gravaj filmkompanioj (M. G. M., R.K.O. kaj Paramount) unu post la alia aplikis Esperanton. Kelkaj eble opinias ke la uzo de Esperanto en tiuj filmoj estas minimuma, kaj nesufiĉa. Nu, karaj gesamideanoj, estas nia, estas via afero, zorgi ke la apliko de Esperanto en la sonfilmo okazu pli kaj pli ofte kaj je ĉiam pli granda amplekso. Ni plej bone atingos tion, pruvante al la film-eminentuloj la disvastiĝon kaj uzeblecon de Esperanto per tio ke ni ĉiuj sendos al ili gratulon, kun la promeso viziti la filmojn, kiuj aplikas Esperanton, kaj rekomendi ilin al ĉiuj konatoj.

ŝtata, ĉiutaga, paca korespondilo, kaj ekzakta esprimilo de la komunaj interŝtataj leĝoj. Tiam kaj tiel la gloro de Zamenhof fariĝos kompleta.

Post tiu paroladeto, la kunsido fariĝis intima festo, dum kiu oni aŭdis teatraĵeton, poeziaĵojn, rakontetojn, kantojn, muzikaĵojn, ŝaradojn, danke al Sinjorinoj De Rijcke kaj Gruslet, Fraŭlino Nachtergaele, Sinjoro De Man. Fraŭlino Vandevijver kaj Sinjoro Mijs estas speciale dankindaj pro sia lerteco en la dirado de la teatraĵeto « La Supujo »; S-ro De Man estis en tiu komedio la perfekta servisto. Tiu amika kaj gaja posttagmezo restos longe en nia memoro.

## FAMILIA KRONIKO

## KONDOLENCOJ

Al F-ino Maria Jacobs, profesorino kaj komitatanino de « La Verda Stelo » kaj al ŝiaj gefratoj, pro la subita morto de ilia kara patrino S-ino Fr. Jacobs-Van Dessel, honora lernejestrino, kaj amata subtenantino de la grupa vivo (13.XII.39).

## GRATULOJ

Al nia direktoro S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de la Ĝenerala Asocio de la Belga Gazetaro (Antverpeno, Limburgo), kiu, en la promocio de ĵurnalistoj, estis nomata Kavaliro de la Ordono de la Krono.

★

Al S-ro Pierre-Joseph De Guchteneere, ŝipmakleristo, membro de la Bruĝa Grupo, nomata Kavaliro de la Ordeno de la Krono, laŭ Reĝa Dekreto 14-11-39.

★

Al S-ino Van Bockel, membrino de « La Verda Stelo », pro naskiĝo de nepeto Paul, kvara filo de gesamideanoj Jan Van Bockel-Van Walle.

## Roosevelt serĉas lingvon

La 11-an de novembro diris Prezidanto Roosevelt, okaze de la Jubileo de l'Milita Instituto de Virginio:

« La mondo bezonas novan, pli bonan pacon, — pacon kiu devigos la homojn formeti la armilojn uzitajn por disigi ilin. Ĝi ankaŭ devos rezigni la sencelajn ambiciojn kiuj kaŭzis timon, — la ambiciojn servantajn al nenia utila celo. **Ni serĉas lingvon, per kiu la najbaro povos paroli al la najbaro, per kiu homoj povos paroli al homoj,** kaj per kiu la ĝeneralaj homaj instinktoj, ĉie trovataj, povos trovi esprimon per forpreno de la timo. »

Prezidanto Roosevelt serĉas lingvon, per kiu la najbaro povos paroli al la najbaro, per kiu homoj povos paroli al homoj! Bonege! Tia lingvo ekzistas: ĝi nomiĝas Esperanto.

Estas evidente ke Roosevelt celis per siaj vortoj ne iun difinitan lingvon, sed la homan parolon mem, la parolon de l'koro kaj kompreno. Eĉ tio estas Esperanto en la plej alta grado.

Lernigu Esperanton al la tuta mondo, — kaj la teknikan, la nur-lingvan komprenon baldaŭ sekvos tute certe ankaŭ pli bona kompreno per la spirito kaj per la koro!

## Esperanto vivas... tamen

**Instigo por aliaj.**

Okazis en vilaĝo Sneek (Nederlando) kurso, komencita de s-ro S.S. den Jong Dzn. Huizum kun 11 personoj, kreskis en la dua ciono al 25, kaj en la tria al 29 person[oj]. Pruvo ke ankaŭ nuntempe la publiko inter[es]iĝas pri Esperanto.

**Ĉu nova interesiĝo en Turkujo?**

S-ro H. Goemans, malnova samideano loĝa[n]ta en Istanbul (Turkujo), skribis al ni: « En profesia lernejo de Edirne ((Adrianoplo) trovis kelkajn lernantojn kiuj okupiĝas [p]ri Esperanto... Mi esperas ke mi sukcesos re[v]igligi la intereson por nia helplingvo per efektiva helpo al la Edirne'aj lernantoj. »

**En Hungarujo oni daŭrigas la laboron por Esperanto.**

En Budapest, la Skolta Esperanto-Rond[o] partoprenis en aranĝo de ekspozicio dum Protestantaj Tagoj. La HES-grupo en Ujpe[st] kunvenas ĉiumarde vespere je 19-21 h. en Kulturdomo de la Reformita Eklezio (Sze[nt] István-tér-angulo). En Pécs dudek skoltoj l[a]boras en Esperanto-rondo. En la gazeto de hungaraj skoltinoj D-ro V. Tóth aperig[is] Esperanto-kurson monate. La 23.11. prezent[is] skolto Andreo Szikszay kantojn el tempo d[e] princo Rákóczi (nomitaj kurucaj kantoj) en Budapesta Radio.

**Ankaŭ en Palestino...**

La klubo de Tel-Aviv kunvenas kvinfoje s[e]majne je 8-10 h. vespere en Brenner-Domo, Brenner-strato. Prof. D. Tachauer kaj Št Štamp[fer] gvidas Esperanto-kursojn dum du vesper[oj]. S-anoj Oskar Berman kaj N. Dresner iufo[je] paroladas propagande aŭ gvidas ekzerc-vesp[er]ojn. Estraro: Štampfer, prez.: Berman, vicprez. estraranoj: Maimou, Dresner, Dorn, f-ino De[k]tor. Landa kunveno en Tel-Aviv estis preparit[a] por gesamideanoj el tuta Palestino, je 8.-9.1[2.] 1939.

**Roland Dupuis prelegvojaĝis en Svedujo.**

En la komenco de la aŭtuno 1939 nia fran[ca] amiko Roland Dupuis faris du-monatan prele[g]vojaĝon tra Svedujo. Li faris entute 36 prele[g]ojn pri la provinco Normandio. Ĉie la prele[goj] estis danke akceptata de tre kontentaj aŭskul[t]antoj. Bedaŭrinde s-ro Dupuis devis poste re[iri] al Francujo por militservi. La Sveda Esperant[o] Federacio esprimas sian koran dankon ne n[ur] pro la bonaj prelegoj sed ankaŭ pro la bo[na] humoro kaj entuziasmo, kiun s-ro Dupuis vek[is] en la vizititaj kluboj. (E. Malmgren.)

**Ni restu fidelaj**

**... Kaj ni pagu nian KOTIZON**

# LITERATURO

## LA ŜNURO

### de Ch. Baudelaire

**Edouard Manet**

« Iluzioj, — min diris amiko mia — estas sennombraj eble, kiel la rilatoj de omoj inter si, aŭ de l'homoj kun la obtoj. Kaj kiam la iluzio malaperas, tio as kiam ni vidas la estaĵon aŭ la fakton ĝi ekzistas ekster ni, ni spertas kuriin sentimenton, konsistantan parte el laŭro por la fantomo malaperinta, parte agrabla surprizo antaŭ la novaĵo, antaŭ fakto reala. Se ekzistas fenomeno evita, triviala, ĉiam la sama kaj pri kies uro oni ne povas trompiĝi, estas la paamo. Estas tiel malfacile supozi patrin sen amo kiel lumon sen varmo; ĉu n ne estas tute legitime atribui al la rinamo ĉiujn agojn kaj parolojn de pao, rilatajn al ŝia infano? Kaj, tamen, kultu ĉi historieton, en kiu mi estis ekeme mistifata de l' iluzio plej natura.

» Mia pentrista profesio instigas min nte rigardi la vizaĝojn, la fizionomiojn, j prezentiĝas dumvoje, kaj vi scias kian on ni tiras el tiu povo kiu igas por ni la on pli vivanta kaj pli signifoplena ol la ceteraj homoj. En la malproksima artalo kie mi loĝas, kaj kie vastaj herbaj coj ankoraŭ apartigas la konstruaĵojn, ofte observis infanon kies fizionomio la kaj malica, pli ol ĉiuj aliaj, logis min unue. Pli ol unufoje li pozis por mi, kaj transformis lin jen en malgrandan bonon, jen en anĝelon, jen en mitologian oron. Mi igis lin porti la violonon de agabondo, la Dornan Kronon kaj la ajlojn de la Pasio, kaj la Torĉon de os. Mi fine trovis tiel grandan plezuron la petolemo de tiu bubo, ke iun tagon petis al liaj gepatroj cedi lin al mi, prosante bone vesti lin, doni al li kelkajn nerojn, kaj ne devigi lin al peno alia ol igi miajn penikojn kaj fari miajn aĉet. Tiu infano, lavita, iĝis ĉarma, kaj la o kiun li havis ĉe mi ŝajnis al li parao, kompare al tiu kiun li estus suferinta la patra domaĉo. Mi devas tamen diri tiu etulo kelkfoje mirigis min per ekemaj krizoj de malĝojo antaŭtempa, kaj li baldaŭ manifestis malmoderan emon sukero kaj likvoroj; tiagrade ke foje, nstatinte ke li estis, malgraŭ miaj oftaj monoj, farinta novan ŝteleton de tiu spemi minacis lin je resendo al liaj gepaj. Tiam mi eliris, kaj miaj aferoj retenis sufiĉe longe el la hejmo.

» Kiaj ne estis mia abomeno kaj mia miro, kiam, je mia reveno, la unua objekto kiu frapis miajn rigardojn estis mia etulo, la malica kunulo de mia vivo, pendigita ĉe panelo de tiu ŝranko! Liaj piedoj preskaŭ tuŝis la plankon; seĝo kiun li sendube estis puŝinta for per piedo, estis renversita apud li; lia kapo estis konvulsie kliniĝinta sur ŝultro; lia vizaĝo, ŝvelinta, kaj liaj okuloj, tute larĝe apertaj kaj terure fiksaj, unue kaŭzis al mi la impreson de la vivo. Lin dependigi ne estis tiel facile kiel vi povus kredi. Li estis jam tre rigida, kaj bruske faligi lin surteren estigis ĉe mi neeksplikeblan malinklinon. Mi devis subteni lian tutan korpon per unu brako, kaj, per la mano de l'alia brako, tranĉi la ŝnuron. Sed, post tio, ne estis finite; la monstreto estis uzinta spagon (1) tre maldikan kiu estis enirinta tre profunde en la karnon, kaj mi devis nun, per ĉizojeto (2), serĉi la ŝnuron inter la du bordetoj de la ŝvelaĵo, por liberigi lian kolon.

» Mi neglektis diri al vi ke mi estis vigle kriinta helpon; sed ĉiuj miaj najbaroj estis rifuzintaj asisti min, fidelaj en tio al la kutimoj de l' civilizita homo, kiu neniam volas, mi ne scias kial, miksi sin en la aferojn de pendigito. Fine kuracisto venis kiu deklaris ke la infano mortis antaŭ kelkaj horoj. Kiam poste ni devis malvesti lin por la enĉerkiĝo, la kadavra rigideco estis tia ke, malesperante fleksi liajn membrojn, ni devis disŝiri kaj tranĉi la vestojn por ilin demeti de li.

» La komisaro al kiu, kompreneble, mi devis deklari la akcidenton, rigardis min oblikve, kaj diris: « Jen io suspekta! », movata sendube de deziro enradikita kaj profesia kutimo timigi, trafe maltrafe, senkulpulojn kiel kulpulojn.

» Plejlasta tasko restis farenda, kies nura penso kaŭzis al mi teruran angoron: oni devis averti la gepatrojn. Miaj piedoj rifuzis konduki min tien. Fine mi havis tiun kuraĝon. Sed, je mia granda miro, la patrino estis senemocia, neniu larmo gutis el la angulo de ŝia okulo. Mi atribuis tiun strangaĵon al la abomeno mem kiun ŝi devis senti, kaj mi rememoris la konatan sentencon: « La doloroj plej teruraj estas la doloroj mutaj ». Rilate la patron, li nur diris kun mieno duone stulta, duone reva: « Konsidere ĉion, estas eble pli bone tiel; li ĉiam estus malbone fininta »!

« Dume la korpo estis stern'ta sur mia divano, kaj, asistata de servistino, mi okupis min pri la lastaj preparoj, kiam la patrino eniris mian laborejon. Ŝi deziras, ŝi diris, vidi la kadavron de ŝia filo. Mi ververe ne povis malhelpi ke ŝi ebriiĝu sin de l' malfeliĉo, kaj rifuzi tiun lastan kaj malluman konsolon. Sekve ŝi petis indiki la lokon kie ŝia filo sin pendigis. « Ho, ne, sinjorino, mi respondis, tio dolorus vin ». Kaj ĉar nevole miaj okuloj turnis sin al la funebra ŝranko, mi ekvidis en naŭzo miksita kun abomeno kaj kolero, ke la najlo estis ankoraŭ fiksita en la pareo, kun longa peco da ŝnuro forgese postlas'ta. Mi tuj impetis por forpreni la lastajn spurojn de l'malfeliĉo, kaj kiam mi volis ĵeti ilin eksteren tra malfermita fenestro, la mizera virino kaptis mian brakon kaj diris kun voĉo nerezistebla: « Ho! sinjoro! lasu tion al mi! mi petas! mi petegas »! Ŝia malespero, sendube, ŝajnis al mi, tiel frenezigis ŝin ke ŝi nun amopleniĝis por tio kio servis instrumento de la morto de ŝia filo kaj ĝin volis konservi kiel abomenan kaj karan relikvon. — Kaj ŝi propriĝis la najlon kaj la spagon.

« Fine! fine! ĉio estis plenumita. Mi nur devis ree eklabori, ankoraŭ pli vigle ol kutime, por peli iom post iom for tiun kadavreton kiu sieĝis la volvojn de mia cerbo, kaj kies fantomo tedis min per siaj grandaj fiksaj okuloj. Sed, la postan tagon, mi ricevis amason da leteroj: la unuaj, de l' luantoj de mia domo, kelkaj aliaj de domoj najbaraj; unu de l' unua etaĝo; alia, de la dua; alia de la tria, kaj tiel plu, la unuj stile duonŝersaj, kvazaŭ provante vuali, per humoro ŝajna, la sincerecon de la peto; la aliaj, peze senhontaj kaj sen ortografio, sed ĉiuj aspirante saman celon, tio estas akiri pecon de la fatala kaj beatiga ŝnuro. Inter la skribintoj estis, mi devas diri tion, pli da virinoj ol da viroj; sed ĉiuj, ja kredu min, ne apartenis al la klaso malalta kaj vulgara. Mi konservis tiujn leterojn.

» Kaj tiam, subite, lumo fariĝis en mia cerbo, kaj mi komprenis kial la patrino tiel ŝatis forpreni la spagon kaj per kiu komerco ŝi intencis konsoli sin. »

Esperantigis: TEO KEN.

(El « Le Spleen de Paris », XXX).

---

(1) Spago: ŝnureto.

(2) Ĉizojo: Dubranĉa tondilo por tranĉi ŝtofon, paperon ktp.

# La unuaj publikaj paroloj de l'majstro

*(Sekvo)*

En la unua kongreso de la Esperantistoj estas necese diri kelkajn vortojn pri la ĝisnunaj batalantoj de nia afero. Sed antaŭ ol mi parolos pri la batalantoj speciale Esperantistaj, mi sentas la devon diri ĉi tie kelkajn vortojn pri unu homo, kiu havas tre grandajn meritojn en nia afero kaj al kiu bedaŭrinde la Esperantistoj ofte rilatas maljuste nur tial, ĉar li, multe farinte por la ideo de lingvo internacia ĝenerale, ne apartenas tamen al la amikoj de tiu speciala lingva formo, por kiu ni batalas. Mi parolas pri la tre estiminda sinjoro Johann Martin Schleyer, la aŭtoro de Volapük. La lingva formo, por kiu laboris tiu respektata maljunulo, montriĝis ne bona, kaj la afero, por kiu li batalis baldaŭ falis, kaj per sia falo ĝi alportis grandan malutilon al nia ideo entute kaj precipe al tiu speciala formo de la ideo, por kiu ni batalas. Sed ni devas esti justaj, ni devas taksi ĉiun homon ne laŭ lia venko aŭ malvenko, sed laŭ liaj laboroj. Kaj la laboroj kaj meritoj de sinjoro Schleyer estis tre grandaj. Kun granda fervoro li laboris por la ideo de lingvo internacia en la daŭro de multaj jaroj; dum multaj personoj donadis nur nudajn projektojn, li estis la unua, kiu havis sufiĉe da pacienco, por ellabori plenan lingvon de la komenco ĝis la fino (kvankam Esperanto tiam estis jam preta, ĝi ne estis ankoraŭ publikigita), kaj ne estas lia kulpo, se lingvo montriĝis ne praktika. Li estis la unua, kiu per senlaca laborado vekis la intereson de la mondo por la ideo de lingvo neŭtrala, kaj ne estas lia kulpo, se lia falinta afero por longa tempo malvarmigis la mondon por ĉia arta lingvo. Li volis fari grandan bonon, kaj por la atingo de tiu bono li laboris tre multe kaj fervore, kaj ni devas lin taksi ne laŭ lia sukceso, sed laŭ lia volo kaj laboro. Se la ideo de lingvo internacia iam venkos la mondon, — tute egale, ĉu ĝi estos sub la formo de Esperanto aŭ de ia alia lingvo —, la nomo de Schleyer okupos ĉiam la plej honoran lokon en la historio de nia ideo, kaj tiun ĉi nomon la mondo neniam forgesos. Mi esperas ke mi esprimos la opinion de ĉiuj partoprenantoj en nia kongreso, se mi diros: « Ni esprimas nian koran dankon al sinjoro Schleyer, la unua kaj plej energia pioniro de la ideo de neŭtrala lingvo internacia ».

Nun mi transiros al la laborantoj speciale Esperantistaj. Ne venis ankoraŭ la tempo skribi oficialan historion de nia afero, kaj mi timas, ke mi povus fari ian publikan maljustaĵon al tiu aŭ alia persono ĉe la kompara taksado de la meritoj de la diversaj batalantoj. Tial mi ne nomos ĉiun el ili aparte, sed al ĉiuj kune mi esprimas koran dankon pri ilia laborado, en la nomo de ĉiuj amikoj de Esperanto. Dek ok jaroj pasis de la tago, kiam Esperanto aperis en la mondo. Ne facilaj estis ĉi tiuj dek ok jaroj. Nun mi vidas antaŭ mi grandegan nombron de varmegaj amikoj de Esperanto, kiuj reprezentas per si preskaŭ ĉiujn landojn de la tera globo, preskaŭ ĉiujn naciojn de la mondo, ĉiujn rangojn, statojn kaj klasojn de la homoj. Tre granda kaj vasta estas jam nia literaturo, tre multaj estas niaj gazetoj, en la tuta mondo ni havas nun grupojn kaj klubojn Esperantistajn, kaj al neniu klera homo en la mondo la nomo de nia afero nun estas jam nekonata. Kiam mi rigardas la nunan brilantan staton de nia afero, mi rememoras kortuŝite pri la unuaj pioniroj, kiuj laboris por nia afero en tiu malĝoja tempo, kiam ni ĉie renkontadis ankoraŭ nur mokon kaj persekuton. Multaj el ili vivas ankoraŭ kaj ili rigardas nun kun ĝojo la fruktojn de sia laborado. Sed ho ve, multaj el niaj pioniroj jam ne vivas. Dek ok jaroj estas granda peco da tempo. En tiu ĉi granda spaco da tempo la morto rabis al ni tre multe el niaj fervoraj kunbatalantoj. Citi ĉiujn nomojn estus nun afero ne ebla; mi nomos nur kelkajn el ili. La plej frue forlasis nin Leopoldo Einstein, la unua energia propagandisto de nia afero; lia morto estis granda bato por nia afero entute, kaj speciale por ĝia disvastiĝado en Germanujo. Poste la morto rabis al ni Jozefon Wasniewki, la simpatian kaj de ĉiuj amatan apostolon de nia afero en Polujo. Kaj antaŭ kelke da jaroj mortis tiu persono, al kiu Esperanto ŝuldas multe, tre multe kaj sen kiu nia afero nun eble tute ne ekzistus: mi parolas pri la neforgesebla W. H. Trompeter. Neniam parolante pri si, postulante por si neniam dankon, li prenis sur siajn ŝultrojn nian tutan aferon, kiam ĝi troviĝis en la plej malfacilaj cirkonstancoj; li sola subtenadis ĝin tiel longe, ĝis la nombro de la Esperantistoj fariĝis sufiĉe granda, por subtenadi la aferon per fortoj komunaj. Kiel li ĝojus nun se li vidus la nunan staton de nia afero!

Krom la nomitaj tri personoj estas ankoraŭ granda, ho ve, tre granda nombro da personoj, kiuj multe laboris por nia afero kaj ne povas vidi la fruktojn de siaj laboroj. Ili mortis korpe, sed ili ne mortis en nia memoro. Mi proponas, estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj, ke ni honoru ilian membron per leviĝo de niaj seĝoj. Al la ombroj de ĉiuj mortintaj batalantoj Esperantistaj la unua kongreso Esperantista esprimas sian respekton kaj pian saluton.

Baldaŭ komenciĝos la laboroj de kongreso, dediĉita al vera fratiĝo de la maro. En tiu ĉi solena momento mia k estas plena de io nedifinebla kaj miste kaj mi sentas la deziron faciligi la ko per la preĝo, turni min al iu plej alta fo kaj alvoki ĝian helpon kaj benon. Sed same kiel mi en la nuna momento ne es ia naciano, sed simpla homo, tiel same ankaŭ sentas, ke en tiu ĉi momento mi apartenas al ia nacia aŭ partia religio, mi estas nur homo. Kaj en la nuna m mento staras inter niaj animaj okuloj tiu alta morala Forto kiun sentas en koro ĉiu homo, kaj al tiu ĉi nekonata F to mi turnas min kun mia preĝo:

Al Vi, ho potenca senkorpa mistero,
Fortego, la mondon reganta,
Al Vi, granda fonto de l'amo kaj vero
Kaj fonto de vivo konstanta,
Al Vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,
Sed ĉiuj egale en koro Vin sentas,
Al Vi, kiu kreas, al Vi kiu reĝas,
Hodiaŭ mi preĝas.

Al Vi ni ne venas kun kredo nacia,
Kun dogmoj de blinda fervoro:
Silentas nun ĉiu disput' religia
Kaj regas nur kredo de koro.
Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala,
Kun ĝi, la plej vera, sen trudo batala
Ni staras nun, filoj de l'tuta homaro
Ĉe via altaro.

Homaron Vi kreis perfekte kaj bele,
Sed ĝi sin dividis batale;
Popolo popolon atakas kruele,
Frat' fraton atakas ŝakale,
Ho, kiu ajn estas Vi, forto mistera,
Aŭskultu la voĉon de l'preĝo sincera,
Redonu la pacon al la infanaro
De l' granda homaro!

Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,
Por reunuigi l'homaron,
Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali
Sed lasu nin venki la baron;
Donacu Vi benon al nia laboro,
Donacu Vi forton al nia fervoro,
Ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj
Nin tenu kuraĝaj.

La verdan standardon tre alte ni tenos:
Ĝi signos la bonon kaj belon.
La Forto mistera de l'mondo nin benos,
Kaj nian atingos ni celon.
Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos,
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
Ekregos sur tero.

# TABELO DE ENHAVO



# LA APERDATOJ EN 1940

**La unua numero de la jaro 1940 aperos la 15-an de Februaro.**

**La grupestraroj ensendu do, akurate, la programojn ĝis fino de marto kun la raportoj.**

**La dua numero de la jaro aperos en la dua duono de Marto, kun la programoj por aprilo kaj majo.**

**Intertempe, la Ligestaro estos eksciinta pri la nombro de repagintaj membroj kaj estos decidinta pri la taskoj kaj rimedoj.**

**Estraro de " Belga Ligo Esperantista"**

**Prezidanto :** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)

**Vicprezidantino :** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)

**Vicprezidanto :** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777.58.)

**Sekretario :** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.

**Kasisto :** S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario, Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.